

# Hispana Esperanto GAZETO

*Eis aqui se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*
*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIa, XVII.)

CAMOENS


**Aŭgusto-Septembro 1935**
**5a jaro** **N-ro 51**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
APARTADO DE CORREOS 1.089
MADRID (HISPANUJO)


## MEMORINDAJ TAGOJ (aŭgusto)

3. 1492.—*Kristoforo Kolumbo ekmarveturas en la porto Palos (Hispanujo) al Ameriko.*

5 al 13. 1905.—*Unua internacia kongreso de Esperanto en Boulogne-sur-Mer (Francujo).*

10. 1519.—*La ŝipo «Victoria» (Venko) eliras el la porto Sevilla por la unua vojaĝo ĉirkaŭ la mondo.*

28. 1784.—*Mortas la hispana franciskano Junipero Serra, fondinto de San Francisco (California).*

31. 1839.—*Fino de sepjara civila milito per ĉirkaŭpremo de la du malamikaj armeoj en Vergara (Hispanujo).*

## MEMORINDAJ TAGOJ (septembro)

6 al 11. 1909.—*V^a Internacia Kongreso de Esperanto en Barcelono.*

7. 1522.—*La hispano Sebastián Elcano, unua maristo kiu ĉirkaŭiris la mondon, alvenas al Sanlúcar (proksime de Sevilla) kun la ŝipo «Victoria» (Venko) finante sian faman vojaĝon.*

18. 1611.—*La hispanoj eltrovas Australion.*

25. 1513.—*La hispano Vasco Núñez de Balboa eltrovas la Pacifikan Oceanon.*

---

## ACTA LXII DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA DE H. E. A.

En Madrid, a las 20 horas del día 8 de julio de 1935, se reunió en el domicilio social la Junta Central Ejecutiva, asistiendo los miembros expresados al margen.

Se da cuenta del siguiente despacho de Secretaría:

1.° Que U. E. A. manifiesta que, por conducto del representante de España en Berna, continúan las gestiones para que el Gobierno español nombre un representante en el XXVII Congreso de Esperanto.

2.° Una comunicación del Sindicato de Iniciativas solicitando se designe un delegado de H. E. A. para que, en unión de los delegados de otras entidades, pueda tomar parte en las deliberaciones del Sindicato. Se designa a D. Julio Mangada.

3.° Se nombra al Dr. D. Julián Loyola representante de H. E. A. en el Congreso Esperantista de Roma.

4.° Una carta del Grupo Esperantista de Santander interesando la edición de un diccionario Esperanto-español y Español-esperanto. Se acuerda que el asunto pase al Instituto Español de Esperanto.

Y no habiendo más asuntos pendientes se levantó la sesión.

El secretario, *Fernando Redondo.*—V.° B.°: El presidente, *Sidonio Pintado.*

Asistieron: el presidente; D. Luis R. Escartín, vicepresidente; D. Benito Anguiano, tesorero (con la representación de D. José Artigas); D. Fernando Molina, vicetesorero; doña Visitación Martín, bibliotecaria; D. Javier Marauri, vocal; D. Jacinto Martín, vicesecretario, y el secretario.

## ATENTU, KORESPONDANTOJ!

**La tutan korespondadon por**

**HISPANA ESPERANTO ASOCIO**
**HISPANA ESPERANTO INSTITUTO**
**HISPANA ESPERANTO GAZETO**

**bonvolu adresi al**

**Apartado de Correos n.° 1.089 (Poŝta fako, n.° 1.089)**
**MADRID**

## UNA NOTA

Recibimos para su publicación la nota siguiente:

«Recientemente la Internacia Cseh-Instituto, de La Haya, que cobra sus honorarios en sellos de Correos de todos los países, envió a la Iberia Esperanto-Servo, de Barcelona, más de 300 pesetas en sellos españoles, para ser cambiados por su valor. Pero entre estos sellos había una gran cantidad de los de 0,30, emisión anulada por el Gobierno, en vista de una falsificación descubierta de los que llevaban el busto de Pablo Iglesias. Se hicieron gestiones en Barcelona cerca de las oficinas del Timbre para ver si podían canjearse estos sellos por otros de las emisiones actuales, y en todas las oficinas dijeron que, habiéndose terminado el plazo señalado por el Gobierno para la validez de aquellos sellos anulados, no podía ya verificarse el canje deseado.

Sin embargo, la «Iberia Esperanto-Servo» rogó a un samideano de Madrid hiciera gestiones directamente en la Dirección del Timbre. Este samideano, después de varias visitas infructuosas, se decidió a visitar al Director general del Timbre, presentándole una instancia en la que se relataban todas las circunstancias del caso y se acompañaba la correspondencia cruzada con dichas entidades, para justificar lo expuesto, Dicho Director general, con exquisita amabilidad, atendió a nuestro samideano, haciéndose cargo de la circunstancia de tratarse de una entidad extranjera que ignoraba en absoluto la existencia de la anulación gubernativa de los referidos sellos, y prometió resolver favorablemente el asunto.

Efectivamente, hace pocos días dicho señor dió orden a la oficina central del Timbre para que, previo el reconocimiento de la legitimidad de los 228 sellos de 0,30 pesetas de la emisión retirada, se canjearan

por otros tantos de la emisión en circulación actualmente, habiéndose verificado ya este canje y satisfecho el deseo del Instituto «Cseh», que habrá visto con satisfacción el servicio realizado por nuestro samideano y la atención prestada por la Administración española al servicio de un asunto internacional.»

Por nuestra parte felicitamos efusivamente a nuestro samideano D. Fernando Soler por el éxito obtenido.

# IUJ OPINIOJ

Oni opinias, ke la kotizo al H. E. A. estas tre malalta, ke oni devas altigi ĝin, des pli ĉar H. E. A. donas la membrecon al U. E. A. (pro kio H. E. A. devas pagi al U. E. A. ĉiujare *duonon el svisa franko, unu peseton kaj dudek centimojn* proksimume, po membro; restante al H. E. A. *okdek centimoj el la dupeseta kotizo jara*), la ĉiumonatan gazeton, kaj ebligas la aĉetadon de libroj, kiel la Fundamenta Krestomatio, kiel la Kompleta Esper-Vortaro de S. A. T., k. c., kun granda rabato. Mi mem opinias, ke la kotizo estas ridinda; sed necese estas rezonadi trankvile, atenti cirkonstancojn:

Ie. La altigo de la kotizo postulas reformon de la Regularo de la Asocio.

IIe. Ĝenerale la esperantistoj plejmulte estas humiluloj suferantaj la nunan monkrizon, kiuj devas bone atenti siajn elspezojn; kaŭze de ĉi tio estis necese starigi la kategorion C de la membraro (art.° II[a] de nia Regularo) kun kotizo el unu peseto kvindek centimoj.

IIIe. La nunaj cirkonstancoj de la vivo estas malfavoraj por la altigo.

Oni devas atenti, ke nia Asocio estas tutlanda kaj kulturiga, pro kio ni celadis havigi al ĝi subvencion de la Ministerio de Publika Instruado; ke ĉi tiu, sekve de niaj peticioj, faris dum kelkaj jaroj inspektadon de nia laboro per aŭtoritatulo de ĝi komisiita kaj ke, dank' al seriozaj kaj gravaj informoj de la inspektoroj, la Ministerio konstatis la laboron de H. E. A. kaj donis la subvencion; kaj tiel estis la konstanto, ke diversaj ministroj miris ne konsciante kiel la Asocio, per la subvencio donita, povis fari tiom multe. Pro la subvencio, la Asocio povis liveri al siaj membroj grandajn profitojn supermezurantajn la jarkotizon, kion juĝis iuj danĝera, ĉar oni ne devas kutimigi tiel la membrojn de Asocio, sed tielaj opiniantoj nescias, ke

la Asocio nepre devas ĉiujare elspezi la subvencion kaj elpruvi dokumentare la bonan, justan kaj utilan elspezon al la Ministerio de Publika Instruado, kion la Asocio faris meritinte laŭdojn. Tiamaniere la Asocio *donis cent po unu.*

La opiniantoj pri la altigo ne atentas, ke la Asocio eldonis bonajn verkojn, ĝi liveras preskaŭ preskoste al siaj membroj, kaj ĉi tiuj apenaŭ ilin aĉetis kaj aĉetas, kaj inter la neaĉetintoj estas ankaŭ multaj el la opiniantoj. Ĉi tiuj kaj la ceteraj membroj de H. E. A. devas atenti kaj konscii, ke la aĉetado de la libroj estas precize la riĉigo de nia kaso pri kiu jam ne estas necese prezenti kalkulojn al la Ministerio, per kiu la Asocio povas havigi al si monrimedojn por solvi aliajn gravajn iniciativojn; devas atenti kaj konscii, ke la aĉetado de la libroj estas kvazaŭ *bulo el neĝo,* pro tio estas bedaŭrinde ke la heaanoj ne sin decidu al aĉetado, ke la heaanoj faru nenion por la Asocio dum ĝi faras multon por ili. Mi instigas ĉiun membron de H. E. A. por ke li aĉetu unu ekzempleron de «Helpanta Temaro», alian de «Santander» kaj alian de «Amelia kaj Marina», *sed ne kredu, ke mi celas rehavigi al mi la eldonkoston de tiu lasta verko, ĉar mi, donante ekzemplon por plej bona instigo, cedas la tutan eldonon al H. E. A. senkompense nur kondiĉe ke la tuta mono enspezita per la vendado de «Amelia kaj Marina» estu por la starigo de la eldona kapitalo de la sama nomo, per kiu mi havigos al H. E. A. novajn verkojn eĉ unue povos akceli la eldonon de «Provo pri Idearo».*

Aĉetu, do, la librojn! La mono de vi elspezita al vi revenos! Estu iomete sindonemaj al H. E. A. kaj riĉigu ĝian kason, kiu estas ankaŭ via! La libroj en la bretoj de H. E. A. difektiĝas, kaj la libroj en viaj bretoj fariĝos novaj libroj!

Atentu, ke la nova aranĝo de la tutmonda neŭtrala esperantomovado, U. E. A., sin starigis sur la Naciaj Asocioj, ke ĉi ties membroj estas fakte membroj de U. E. A., ke la membrokarto estas universala kaj nepre ĝin devas posedi ĉiu membro de Nacia Asocio, por kio U. E. A. liveras la necesan nombron da membrokartoj. Neniel oni povas malatenti ĉi tiun gravan aferon, ĉiu heaano devas tute bone konscii, ke U. E. A. estas nepre subteninda, kaj por tio nia Asocio devas pagi tiom, kiom antaŭe mi diris, nepra kondiĉo por ke ni povu okazigi universalan kongreson en Madrido. Jen, do, prava kaj grava argumento por ke mi repetu la aĉetadon de libroj por riĉigi nian kason kun ankaŭ celo al tiu organizo.

J. MANGADA ROSENÖRN

## Hispana Kongreso de Esperanto en Barcelono

La Zamenhof-Instituto proponis al H. E .A. organizi Kongreson de Esperanto en Barcelono dum printempo de 1936. Ĉiuj komitatanoj de H. E. A. kun kiuj ni parolis konsentas entuziasme kun tiu ideo, sed ĝis la 9ª de septembro ne kunvenos la komitato por decidi la aferon.

---

## PRI MIA JUSA VOJAĜO

Mi decidis ĉeesti la Kongreson de Kataluna Esp-Federacio en Ripoll (Gerona), de la 9ª ĝis la 11ª de la lasta junio.

En Barcelono, la 9-an frumatene, mi kunvenas en la subtera stacio de la placo Cataluña kun multenombraj samideanoj tuj forveturontaj el Ripoll; tie mi havas la ĝojon renkonti S-rojn Vilá, Coll, Grau Casas kaj aliajn konitajn kaj nekonatajn samideanojn, kaj el ĉi tiuj iujn prezentas al mi mia kunvojaĝanto S-ro Roca Rodó.

La elektra vagonaro deiras, kaj baldaŭ mi unuan fojon havas la plezuron rigardadi la bonege kulturitan kamparon, kies pejzaĵoj ĉiam kaj ĉie estas ravantaj. Je la 9ª horo proksimume, ni alvenas al pitoreska Ripoll situita ĉefe inter du riveroj kuniĝantaj ĉe la urbeto mem, liverantaj belajn vidaĵojn. De teraso de la hotelo, en kiu oni loĝigis min, mi povas ĝuadi la plej belan perspektivon.

Okazas solene la malferma kunveno en la ĉefa salono de la urbodomo, kie akceptas nin ĝentile reprezentanto de la urbestro: estas paroloj en kataluna lingvo de la prezidanto de K. E. F., S-ro Alberich, per kiuj li salutas la urbestraron kaj dankas la helpon por okazigi la Kongreson en Ripoll. La reprezentanto de la urbestro faras elokventan paroladon en kataluna lingvo, elmontrante ĝojon akcepti la batalantojn por la neŭtrala lingvo, pro la signifo de ĉi tie neŭtrala lingvo al ĉiuj popoloj, promesante la eblan helpon al esp-grupo de Ripoll por ke ĝi daŭrigu la kulturigan laboron entreprenitan, kies unua rezultato estas la Kongreso. La multenombra ĉeestantaro ovacie aplaŭdadas. Novaj dankesprimoj, kaj sekve ekagas la kongresanaro per salutparoladoj de la oficialaj reprezentantoj de grupoj, de la polaj kaj francaj samideanoj, kaj de la Hispana Esperanto Asocio.

Brilaj bonege sukcesintaj estas la jam tradiciaj Floraj Ludoj en la teatro; same la oficiala bankedo, je kies fino estas novaj paroladoj ĉu varmaj, ĉu bonhumoraj, dank' al helpo de riĉa menuo kaj abunda ĉampano. Pleninteresa estas vizito al malnova mirinda monaĥejo de Ripoll kaj al la sufiĉe riĉa muzeo; ne malpli interesa kaj tre agrabla

estas la tuttaga ekskurso al Camprodón, Puigcerdá kaj al belaj lokoj de la franca Pirineo. Interesa estas la esperanta ekspozicio, sed des pli la librovendejo aranĝita de S-ro Montserrat. Plensukcesintaj estas aliaj festoj, kiujn mi ne ĉeestis.

Hazarde mi ĉeestis parton de la lasta laborkunveno, ĉar mi opiniis esti la ferma kunveno: mi aŭdis saĝajn parolojn de S-roj Alberich, Delfi Dalmaŭ, Grau Casas, Chaler kaj aliaj, pri diversaj vidpunktoj de la movado, sed precipe pri la fortikigo de K. E. F.: prave parolis S-ro Alberich instigante al tiu fortikigo, kaj mi, impresite de liaj paroloj eĉ volis peti la parolon por apogi liajn argumentojn, ĉar la samideanaro nenie helpas la asociojn tiel, kiel oni devas; ĉar la samideanaro ĉiam estas postulema, plendema, kritikema, cenzurema, sed malmulte la samideanaro atentas, ke «*unuiĝo estas forto*». Mi ne komprenas, kiel la bele ilustrita libro de la Kongreso «Ripoll» aperigas liston el proksimume mil gesamideanoj kaj nur ĉirkaŭ tricent estas kefanoj, laŭ mi aŭdis.

Mi rimarkis, ke dum la laborkunvenoj ĝenerale oni parolis en kataluna lingvo, kaj mi opinias, ke oni devas uzi nur esperanton, escepte por precizaj okazoj laŭ nepra neceso. Ankaŭ mi rimarkis, ĉar mi aŭdis de S-ro Alberich konstati, ke K. E. F. estas tute demokratia, ke la Kongreso estis estrata de la Direktanta Komitato; kaj mi opinias estas ankoraŭ pli demokratia H. E. A., kies Kongresojn estrs Komitato voĉdonita de la kongresanaro, antaŭ kiu la Komitato de la Asocio estas responda, plenumante sian estrecon gvidate de regularo difinita por la Kongresoj.

En Barcelono, reveninte de la Kongreso de K. E. F., mi vizitis la ejon de la Instituto «Zamenhof». Agrable mi estis surprizata de tio, kio estas la Instituto: bonegaj aŭlo, parolĉambro, biblioteko kaj ilaro, eĉ la ŝrankoj kaj tabloj de la aŭlo estas speciale aranĝitaj tre oportune kaj praktike laŭ elpenso de nia kompetenta fervora kaj nalacigebla malnova kunheaano S-ro Anglada, kun kiu kunlaboradas ankaŭ niaj kunheaanoj S-roj Gorgues, Valdepeñas kaj Roca Rodó. La rolo de ĉi Instituto estas gravega; la rezulto de ĝia laboro estas fruktodona ne nur pro la nombro de ĝiaj membroj, sed pro la efiko. Estas citinde, ke la filoj de S-ro Anglada, tiel fervoraj, inteligentaj kaj entuziasmaj, kiel la patro, kaj sufiĉe bone kapablaj, kunhelpas efikege, eĉ unu el ili lernis kompostadi, sed sola li mem sin instruis en tiu metio de la kompostado kaj presado per manpresilo «Minerva», kiun la Instituto aĉetis; kaj tial la Instituto jam eldonas presite sian bultenon. Mirinda laboro estas tiu de la Instituto, kiu iom post iom fariĝos gravega organizo.

En Valencio mi havis la ĝojon saluti la samideanojn de la grupo

neŭtrala, vizitante ilian grupejon, en luksa domo kaj ĉe la centro de Valencio, apud la placo de Castelar.

En Zaragoza estis alia granda surprizo al mi: niaj samideanoj de H. E. A., S-roj Carnicer, Sisón, Vallojera kaj aliaj, kun S-roj Artigas, Gastón, k. c., sukcesis organizi sendependan potencan grupon, luante tre ampleksan grupejon, en kiu funkcias diversaj kursoj (estas tri aŭloj), ekfunkcias diversaj rondoj. Mi povis konstati per vizito, je la vespero, la funkciado de la kursoj, la entuziasmo kaj agemeco de ĉiuj por sukcesigi la iniciatemon de la gvidantoj, el kiuj S-ro Vallojera bonego sukcesis per la belega kolekto el markoj kontraŭ la milito, kolekto diskonigata tra Esperantujo.

J. MANGADA ROSENÖRN

# LOPE DE VEGA

Lope Félix de Vega Carpio naskiĝis en Madrido la 25-an novembron 1562. Jam de sia infanaĝo li montris kleran menson: dekdujara li jam estis studinta latinan lingvon, dancarton, muzikon, skermadon kaj aliajn artojn. Li iĝis orfa tre june, kaj puŝata de sia denaske aventurema spirito—vera sintezo de la tiama hispana spirito—li forkuris de sia hejmo kune kun amiko, por «vidi mondon».

Ne plene la du knabetoj—apenaŭ 12 jaraj—atingis sian deziron: baldaŭ ili estis, pro ŝtelsuspekto, arestitaj kaj revenigitaj al siaj familioj. Iom poste li eniris al servado de la Avila episkopo, kiu lin protektis kaj permesis al li studi filozofion en la famega Alcalá-Universitato; sed la fajra karaktero de Lope ne ŝatis tiel kvietan vivon; li soldatiĝis por la almilitado de Islas Terceiras (Açores). Oazo de kelkjara paca vivo en Madrido, kie li edziĝis, kaj denove la vivkirlo rabis lin: li estis ekzilata el la ĉefurbo pro duelo, en kiu li vundis la kontraŭulon. Lia edzino mortis kaj Lope partoprenis en la «Invencible» (Nevenkebla ŝiparo), tiu impona militiro kontraŭ la angla reĝino Elizabeto, militiro ŝanĝonta la Eŭropan historion, sed kiu pro la furiozo de la oceano kaj pro la mallerta estrado iĝis terura malvenko. Lope kuraĝe batalis kaj devis ĉeesti la morton de frato.

Reveninte en Madridon, li denove edziĝis kaj havis du infanojn. Li estis sekretario de du nobeloj; sed la morto de sia tre amata filo Karlo kaj de sia dua edzino tiel multe korvundis lin, ke li serĉis pacon en la pieco. Li aniĝis al kelkaj religiaj frataroj kaj fine pastriĝis kiel sacerdoto.

Tiu epoko estas la plej glora por Lope, li estis amiko de la ĉefaj kortegaj sinjoroj kaj la idolo de la popolo. La papo Urbano VIII[a]

sendis al li la titolon de Teologia doktoro kaj lin nomis Prokuroro de la Apostola Ĉambrego. Li preskaŭ kviete—preskaŭ, ĉar ankoraŭ ne tre bonekzemplan amaventuron li rolis—vivadis meze de honoro kaj gloro ĝis la 27ª de aŭgusto 1635ª, kiam li mortis sepdektrijara. Lia enterigo estis vera nacia funebro kaj plej impona ĝis tiam vidita.

Lope de Vega estas la plej fruktedona aŭtoro hispana. La nura nomaro de liaj verkoj ampleksus kelkajn numerojn de HISPANA ESPERANTO-GAZETO. Nur komediojn, li verkis 1.800. Li komencis verki kiel infano, kiam ankoraŭ li nescipovis skribi, tial li diktis al pliaĝaj kunlernantoj; li verkis ankoraŭ du tagojn antaŭ sia morto. Inter tiuj datoj, li ĉiam verkis: soldato, oficisto, amanto, ekzilato, edzo, sacerdoto; li verkis surŝipe, meze de batalo, hejme kaj fremdlande, kviete kaj febre. Li verkis preskaŭ ĉiam verse, oni kalkulas ke li verkis po 900 versojn tage. Li verkis romanojn, lirikaĵojn ĉu religiajn, ĉu amajn, eposojn kaj ĉefe teatrajn verkojn, de li nomataj komedioj, sed kiuj, laŭ nuntempa klasigo, estas komedioj, tragedioj kaj dramoj. Li prenas la argumentojn, ĉu de la nacia tradicio, ĉu de siaj personaj travivaĵoj.

Oni kulpas Lope'n ke li tro rapide verkis, ke oni antaŭvidas la finon de la komedio, ke li flatis la popolan ŝaton, ke li ofte ŝanĝas la historian veron. Sed ĉiuj ĉi mankoj estas nur malfortaj ombroj neniel eklipsontaj la tuthelan lumon de lia genio. Multaj el liaj verkoj, ekzemple romano «La Dorotea», komedioj «Fuenteovejuna», «El mejor alcalde, el rey» (Plej bona juĝisto, la reĝo), la «Estrella de Sevilla» (Sevilla Stelo) kaj granda nombro el liaj lirikaj poezioj plaĉas al la hodiaŭa publiko same ol ili plaĉis al liaj samtempuloj. Kaj tiu kiu trafis tiel malproksime starantajn homojn, eterne vivos, ĉar krom eksterordinara forĝisto de la majesta hispana lingvo, li estas kreanto de profunde homecajn heroojn.

Li certe estas la «Fenikso de la Sprituloj».

A. N. D.

---

## ——o—— JUDIT ——o——

**(El Lope de Vega)**

*Cuelga sangriento de la cama al suelo*
*El hombro diestro del feroz tirano.*

Pendas de l' lito ĝis planko-nivelo
La sanga dekstra brako de l' tirano,
Kiu Betulion sieĝis je vano
Kaj al si tiris fulmojn el ĉielo.

Time volvita ruĝa tendo-velo
Malkovras apud la maldekstra mano,
Terur' - aspekton de morta tetano:
Trunkon rigidan, kiel glaci - ŝelo.

Fortan armilon ŝpruc-makulis vino;
La vazoj kuŝas ĉe tabl' renversita;
Gardistoj dormas, kontraŭ disciplino;

Kaj sur remparo, staras, ĉirkaŭita
De sia gento, la ĉasta Judino
Kaj per la kapo ŝi brilas armita.

(*El hispana lingvo tradukis:* ANTONO GRABOWSKI)

## ELEGIA

**A la muerte de Lope de Vega**

Ya las espigas
doblaron en los surcos sus cabezas.
Traía el viento
la sazón de las huertas.
Llevaban las flores y los ríos
lágrimas de cristal, y las veredas
que duermen en Castilla,
llanto de caballeros y carretas.
¡Qué triste fué aquel 27 de [Agosto
en que murió el poeta!
Su vida se apagaba,
levantó hasta el cielo la serena
frente, y húmeda de agonía
la volvió hacia la tierra.
Se movió, quiso vivir,
no pudo. Reclinó la cabeza.
Cuando el vidrio cuajó sobre sus [ojos
eran las cinco y media.
Lloraron los comediantes
en las carreteras,
lloraron las trinitarias
la cera
de sus rezos, y Castilla,
Andalucía y Valencia

## ELEGIO

**Je la morto de Lope de Vega**

Jam ĉiuj spikoj
kliniĝis ĉe l' sulkoj de l' grenejoj.
Maturodoris
jam ankaŭ fruktoĝardenoj.
Kaj portis riveroj kaj la floroj
kristalajn la larmojn, kaj la vojetoj
dormantaj de Kastiljo
la kavalirploron kaj ĉarajn veojn.
Ve, tagon malgajan, dudeksepan [de Aŭgusto!
Ve, mortis la poeto!
Li, kiam ekmortante,
serenan la frunton al ĉielo
levis, malsekan pro l' agonio
ĝin turnis al la tero.
Li, volis vivi; vane:
li klinis la kapon al kuseno.
Duonon de l' sesa, okuloj liaj
vitriĝis, perdis helon.
Aktoroj ĉiuj ploris
ja sur la ŝoseoj,
kaj ploris la monaĥinoj
kun preĝoj;
en Andaluzio, Kastiljo
kaj ĉie, jen la ĉagreno:

*sparvo* aŭ *nizo* (kun maldikaj tarsoj kaj fingroj, el Eŭropo kaj Azio), *astoro* (kun dikaj tarsoj kaj fingroj; specoj, granda aŭ raba, malgranda aŭ etkrura aŭ bruna, nigrakapa), *spizaeto* (nigra supre, blanka malsupre kun flavaj kruroj; ia speco estas la *karpio*).

Subfamilio de falkoidoj kun la beko kurbigita ekde la bazo kaj longaj pintaj flugiloj, *falko*. Genroj, *falko* (uzata por ĉasi malgrandajn bestojn; specoj, blucindra aŭ *alaŭdfalko, ŝtonfalko* aŭ *smerleno*, mezmara, berbera; la du unuaj estas malgrandaj); *kesrelo* aŭ *kestrelo* (specoj, malgranda, ruĝkrura, *muŝakcipitro* aŭ *tinunkolo*); *hierofalko* aŭ *girfalko* (specoj, islanda, grenlanda aŭ arkta aŭ blanka, norvega, blukrura, malgranda).

Subfamilio de falkoidoj, *buzo*. Genroj, *buzo* aŭ *buteo* (specoj, rusa aŭ malgranda, eŭropa aŭ bruna aŭ granda, raba blankvosta longkrura azia), *arĥibuzo* (vilkrura), *vespobuzo* (malnovkontinenta), *helbuzo* aŭ *kirko* (specoj: marĉa aŭ granda; pala aŭ stepa; cindra aŭ herbeja; blugriza, kies ino estas bruna).

*Vulturoidoj* estas plejgrandaj r-j., manĝantaj kadavrojn. Genroj, *gipaelo* aŭ *grifvulturo* (granda barba), *vulturo* (cindranigra), *trifono* (specoj: blankakapa, kafkolora, nordafrika), *vultureto* aŭ *perknoptero* (egipta), *kondoro* (amerika), *grifo* (amerika), *katarto* (neeŭropa), *sarkoramfo* (neeŭropa).

*Strigoidoj* estas r-j., kun granda kapo sur kies antaŭa flanko estas la okuloj, ankaŭ grandaj, ili flugas silente. Genroj, *strigo* (kun blanka ventro kaj leonkolora dorso), *noktuo* aŭ *ateno* (utiligata por ĉasi birdojn. Specoj, eŭropa aŭ flavokula, mezmara, nana aŭ pasera, vilkrura); *ululo* aŭ *sirnio* aŭ *kululo* (specoj, brungriza aŭ pinarbara, urala aŭ longvosta, laplanda aŭ granda); *sparvululo* (specoj, bruna, amerika, arkta aŭ blanka aŭ *nikteo*); *gufo* (ĉefa speco, eŭropazia aŭ granda aŭ *grandaduko*); *skopso, orelgufo* aŭ *otuso* (specoj, arbara, etorela aŭ marĉa, egipta); *ketupo* (azia), *surnio*.

**Paseroj.**—Tiu ordo enhavas la jenajn subordojn: *fortabekuloj, pikbekuloj, maldikbekuloj, larĝbekuloj*, kaj *konusbekuloj* aŭ *konirostroj*.

**Fortabekuloj.**—F. kun dika beko kaj la fenestroj de la nazo kovritaj per rigidaj plumoj, *korvoidoj*; ili estas la transiro de la rabobirdoj al paseroj kaj manĝas kadavrojn. Genroj, *korvo* (granda; specoj, tutmonda, eŭropazia aŭ *frugilego* aŭ *fruktokorvo*); *korniko* (specoj: griza aŭ mantela, nigra); *monedo* (malgranda, simila je korniko kun duberuĝaj piedoj; specoj: tura, blankakola); *pigo* (kun flugiloj kies ekstremoj estas blankaj; specoj, eŭropazia, blankaflugila, blugriza aŭ hispana, maŭra, pasersimila aŭ *lanio*); *nuksokrako* (specoj, eŭropazia,

longbeka); *montokorvo* aŭ *grako* (specoj, flavbeka aŭ eŭropazia, ruĝbeka); *ĝajo* aŭ *garolo* (specoj, eŭropa aŭ *glanovoro*, nigrakapa, brunkapa, nordeŭropazia aŭ boreala aŭ imitanta); *blukorvo* aŭ *koracio* aŭ *roljero*; *koraceno* (neeŭropa); *glaŭkopo* (neeŭropa).

F. kun dika rekta beko kaj dek plumegoj en ĉiu flugilo, *sturnoido*. Genroj, *sturno* (facile lernanta kanti kaj paroli; specoj, tuteŭropa, nigra, bronzebrila aŭ unukolora); *pasturno* aŭ *akridovoro*); *bufago*.

la f., *mejzoido*. Genroj, *mejzo* aŭ *paruo* (specoj, granda, blukapa, blugriza, siberia lazura, siberia brunĉapa, orienta brunĉapa, boreala aŭ griza, britinsula, ĉipra, marĉa, nigra malgranda); *hupmejzo* (eŭropa); *vostegmejzo* (specoj, nigrodorsa, rozeta, grizdorsa aŭ hispana, turka, greka aŭ macedonia); *remejzo* (specoj, eŭropazia, kaspia); *barbomejzo* (eŭropazia rustadorsa).

la f., *buĉbirdoido*. Genroj, *buĉbirdo* (specoj, griza aŭ granda, rustadorsa aŭ malgranda, rufkapa, nigrafrunta, boreala, siberia, mezazia, sudeŭropa); *ĉagro* (afrika); *oriolo* (simila al merlo, orkolora, krianta, el malnova kontinento).

la f., malgranda *muŝkaptoido*. Genroj: *muŝkapto* (specoj, griza, nigrakapa, blankakola, ruĝbrusta, malgranda, amerika aŭ *tirano*, afrika aŭ brazila aŭ *platirinko* kun flava plumaro kaj griza kapo); *bohembirdo* aŭ *bombicilo* (eŭropazia). Vulgara nomo de iaj muŝkaptoj, *figbirdo*.

la f. kantanta, kaj kun tranĉaĵeto en la beko kiel la tremvostoidoj, *turdoido*. Genroj: *akvomerlo* aŭ *ciaklo* (specoj, rufobrusta, nigraventra aŭ brunventra, alpa aŭ blankagorĝa); *turdo* (simila al akvomerlo, ĝi manĝas olivojn krom insektojn; specoj, *viskovoro* aŭ granda, belkanta, rufoflugila aŭ malgranda, orbruna aŭ tera, grizkapa); *merlo* (specoj, nigra, nigrakropa, migranta, *ermito*); *rokturdo* (specoj, malgranda, blugriza); *bulbulo* (specoj, griza ciklada); *ĉato* (specoj, blankvosta, nigragorĝa aŭ helrufa, nigrorela, saltama aŭ orienta, nigradorsa, blankagorĝa aŭ *rubetro*, nigrakapa malgranda eŭropa, nigrakapa malgranda blankavosta); *najtingalo* (tre konata pro sia belkanto; specoj, eŭropa, rusa aŭ granda, persa, pola aŭ hibrida); *blugorĝo* (specoj, orienteŭropa, blankamakula); *ruĝvosto* (specoj, ĝardena aŭ *fenikuro*, nigraventra, blankaflugila).

F-j. de aliaj familioj, *paradizeo* (rimarkinda pro la koloro de sia plumaro); *epimako* (simila al paradizeo); *kefaloptero* (el Sud-Ameriko, kaj kies krio similas bovblekon).

**Pikbekuloj.** — P-j. kun longaj kruroj kaj tranĉaĵeto ĉe la ekstremo de la beko, *tremvostoidoj*. Genroj, *motacelo* aŭ *kinereo*, (dikbeka, loĝanta en riverbordoj; specoj, helgriza, cindrokapa, blankabrova nigrakapa, flavbrova nigrakapa, tutenigrakapa, flavkapa, citrona,

flava, sulfura, blankanigra, *ruĝgorĝo* aŭ kun la subgorĝo ruĝa, *rubekolo* aŭ kun la subgorĝo flava, *fenikomo, kaliopo*; la kvar lastaj ne estas eŭropaj); *antuso* aŭ *pipio* (specoj, kampa, arba, herbeja, rufagorĝa, montakva, marborda aŭ nordeŭropa); *silvio* (kantista; specoj, ĝardena, nigraĉapa, nigrakapa, okulringa, dezerta aŭ nana, subalpa aŭ mezmara aŭ pasera, provenca, sarda, orienta, iberafrika, striita; ia tri lastaj estas grandaj); *fajfosilvio* (specoj, eŭropa aŭ arbara, brungriza, mezmara aŭ monta, siberia malgranda); *gajbirdo* (boreala, verda, flava); *regolsilvio* aŭ *proregolo* (specoj, flavbrova malgranda, flavhupa aŭ *regolo*); *fejnbeko* (specoj, flava aŭ *moksilvio*, nana, pala, olivarba, griza, poliglota); *kanbirdo* (specoj, turdoida, marĉa, rusteta, imitanta, fragmita, akvama); *grilbirdo* (specoj, makulita, najtingaloida, rivera aŭ granda); *amnikolo* (liphara); *cetio* (eŭropa); *cistio* (eŭropa herbama).

Aliaj p-j., *akcentoro* (specoj, eŭropa aŭ grizkapa, eŭropazia monta, orienta monta); *troglodito* (ĝi faras siajn nestojn en rokoj; specoj, eŭropa aŭ truama aŭ *starvosto*, boreala); *budito, saksikolo, todo* (el Antilioj), *trokelo*.

**Maldikbekuloj.**—Ĉefa familio de m-j., kies piedoj havas la ekstreman fingron malantaŭa, paralele kun la dika, *grimpioidoj*. Tribuso de grimpioidoj rimarkinda pro tre larĝa buŝostreĉo, *fisirostroj*. Genroj de grimpioidoj, *grimpio* aŭ *certio* (specoj, eŭropazia, alpa), *galbolo* (neeŭropa), *murgrimpio* aŭ *tikodromo* (eŭropazia), *ramfasto* (kun tre granda beko, vivanta en Sud-Ameriko), *cerebo, junkso* (simila je pego), *trogono* (el intertropikaj landoj). la m. simila je pasero, *sito* (specoj, nordeŭropa, rustventra, roka, korsa), *upupo* (kun hufo el plumoj), *kolibro* (la birdo plejmalgranda kun multkoloraj plumoj, el intertropika Ameriko), *ornismio* (speco de kolibro rimarkinda pro la malgrandeco kaj la koloroj de la plumoj; vulgara nomo *muŝbirdo*), *ciniro* (simila al kolibro).

**Larĝbekuloj.**—Familio de migrantaj l-j., el longaj flugiloj kaj la pinto de la supera makzelo kurbigita, *hirundoidoj*. Ĉefaj genroj, *hirundo* (specoj, vilaĝa, rufsuba, kaira, malnovmonda, rivera, monta aŭ roka, purpura aŭ arba); *kaprimulgo* aŭ *kapromelko* (nokta, tielnomata pro la erara kredo ke ĝi melkas la kaprinojn; specoj, nigra aŭ *cipselo* aŭ *rondono*, blankaventra aŭ *rondonego*, eŭropazia aŭ *noktohirundo*, rufkola, *niktibio, podargo*; la du lastaj ne estas eŭropaj).

**Konusbekuloj.**—Ili havas malmola beko sen breĉaĵoj. Familio de k-j., kies beko estas dika rekta, *alaŭdoidoj*. Ĉefaj genroj, *alaŭdo* (kovanta en ebeno; specoj, kampa aŭ tuteŭropa, arba malgranda aŭ *lulo*; tufkapa aŭ *galerito*; *kalandro*, nigra rusazia, blankaflugila

rusazia); *kornalaŭdo* (specoj, arkta, duhupa); *kalandreto* (specoj, etfingra, griza); *sablalaŭdo* (pala), *kurbbekalaŭdo* (dezerta). la falko, malgranda kiel alaŭdo, *alaŭdfalko*. (Vidu paĝo 81[a], linio 7[a]). Familio de k-j., *emberizoidoj*. Genroj *spronemberizo* (specoj, arkta aŭ neĝa, laplanda); *emberizo* (simila je pasero; specoj, citronventra, kana, dikbeka, malgranda, arbara, ĝardena aŭ *hortulano* aŭ *ortulano*, herbeja, griza, pina aŭ blankverda, granda, nigrakapa, ruĝakapa, striita, flavsuba); *fringo* (specoj, eŭropa, nordafrika); *montofinko* (specoj, sudeŭropa, alpa); *verdofinko* (specoj, arbara, citrona); *linfinko* aŭ *linario* (specoj, boreala, nordrusa, granda aŭ longbeka, monteŭropa aŭ flavbeka, rufeta, kaj la *kanabeno* aŭ *liguro* el belaj plumaro kaj kanto); *zisko* (eŭropazia); *kardelo* (malnovmonda); *pasero* (krianta kaj kantanta, specoj, tutmonda, itala, hispana, roka, arbokampa aŭ malgranda aŭ *pirgito*); *sereno* (specoj, mezmara, orfrunta, kaj la *kanario* flava belkanta el Kanaria Insularo); *kokotraŭso* (eŭropazia); *rozpirolo* (eŭropazia); *pirolo* (belkanta, sin nutranta per burĝonoj; specoj, boreala, eŭropa, trumpetanta); *pindikbeko* aŭ *korito* (boreala); *krucbeko* aŭ *loksio* (specoj, papagosimila, ruĝbenda, blankabenda). Loksio kun beko granda dika longa duoble konveksa, *kurvirostro*.

Aliaj paseroj, *kasiko* (amerika), *tanagro* (amerika), *kolio* (afrika), *pitilo* (simila al zisko), *kuruko*, *mirmotero mucipeto*, *cinklo*, *ampelo*, *filedo*, *bengalio* (el Bengallando), *kardualbirdo* (kun ruĝaj plumoj), *menuro* (kun liroforma vosto), *bucero* (granda, rimarkinda pro speco de korno elstaranta sur la nazo).

Paserosimilaj birdoj, *paserstrigo* (vidu paĝon 81[a], linion 25[a]), *alciono* aŭ *blupasero*.

**Kukolbirdoj.** — K., kiu sin nutras de abeloj kaj vespoj, *abelvoro* aŭ *meropso* (specoj, eŭropazia, egipta aŭ bluverda); krianta, sin nutranta de fiŝoj, *alcedo* (vulgara nomo *alciono*; specoj, blua, mezmara griza); kies ino metas la ovojn en malpropra nesto, *kukolo* (specoj, eŭropazia, amerika aŭ *kuo*, azia aŭ *eŭdinamido*, hupmakulita aŭ *edolio*); *pego* (specoj, nigra granda, malgranda, orkolora, maŭra, greka, blankadorsa, usona, ruĝverda, hispana verda, grizkapa verda, trifingra); *tordkolo* aŭ *kukolestro*.

**Prenantabirdoj.**—Tropika p. kun multkoloraj plumoj, scianta imiti la homan voĉon, *papago* (specoj, hupkapa aŭ *kakatuo*, malgranda aŭ *konuro*, hinda ruĝa aŭ *lorio*, *psitako*, la plejgranda aŭ *arao*, aŭstralia aŭ *eŭfemo*).

**Kurbirdoj.**—Granda k. el Afriko kaj Ameriko kun nur du fingroj kaj nudaj kolo kaj kapo, *struto*. Granda k. el Aŭstralio kun

todas lloraron la muerte
de Félix Lope de Vega.
El pueblo, Fuenteovejuna,
también lloró a su poeta.
Ya las espigas
doblaron en los surcos sus cabezas.
Un sol de Agosto
se hundía en los altos de la Sierra,
y rasgaba un dolor de arroyos secos
y de fuentes sedientas.
En la casa de la calle de Francos,
la tristeza
acampaba a los pies
de un Cristo de madera.
Cuando el vidrio cuajó sobre sus
eran las cinco y media. [ojos
¡Qué triste fué aquel día 27 de
[Agosto
en que murió el poeta!

RAFAEL BELTRÁN LOGROÑO

mortinta Felikso Lope
de Vega, jen la korpremo.
*Fuenteovejuna* (1) ploras:
li ĝia ne plu poeto.
Jam ĉiuj spikoj
kliniĝis ĉe l' sulkoj de l' grenejoj.
Aŭgusta la suno
kuŝiĝis de l' montoj ĉe la krestoj,
bruiĝis doloro al soifantaj
la fontoj kaj riveroj.
Malĝojo en dom' de l' strato Fran-
kaj ĉagreno, [cos (2)
de Krucumito ligna
jen estas ĉe l' piedoj.
Duonon de l' sesa, okuloj liaj
vitriĝis, perdis helon.
Ve, tagon malgajan dudeksepan de
[Aŭgusto!
Ve, mortis la poeto!

*Tradukis*: J. M. R.

---

(1) Fŭenteoveĥuna. (2) Frankos.

## PENSOJ PRI MILITO

Unu pacostelo sur la jako pli valoras ol tri militosteloj sur la kolumo.—*P. Hendriks* (el *Nederlanda Esperantisto*).

* * *

Por la Apostola Seĝo, la sola sistemo kiu estas efika kaj kiu ankaŭ kun iomete da bona volo en ambaŭ flankoj estas realigebla, estas jena: per komuna interkonsento inter civilizitaj nacioj forigi devigan militservon.—*Papo Benedikto XV*ª (el *Hungara Heroldo*).

* * *

La senlima vetkurado de la armado estas unuflanke rezulto de la rivaleco inter la nacioj, kaj kaŭzas aliflanke grandegajn elspezojn forprenatajn de la publika bonfarto. Tial ĝi estas ne la plej malgranda kaŭzo de la nuna krizo.—*Papo Pio XI*ª (el sama revuo).

* * *

Ĉu milito? Kiu pensas ekkapti tiun-ĉi politikan batalilon apenaŭ 15 jarojn post la mondmilito? Tiu homo aŭ ne scias, kio estas la

milito, aŭ ne konatiĝis kun ĝia konsekvencoj, aŭ estas tiom sen konscienco, ke oni devas lin mortigi per bastonego. La sekvoj de nova milito estus en la nunaj cirkonstancoj por ĉiuj eĉ pli katastrofoplenaj.—*Ĉefministro Gömbos* (el sama revuo).

* * *

Se la virinoj plej energie ne batalos kontraŭ la proksimiĝanta plago, la sango de iliaj filoj refalu sur iliajn kapojn; ili estos kunkulpaj de la buĉado, kiun malhelpi ili ne havis energion.—*Romain Rolland.*

# PAĜOJ POR MIA ESTONTA GRAMATIKO

## La vortoj ANSTATAŬ kaj KROM

Laŭ tute logika fundamenta regulo (oka de la Fundamenta Gramatiko) prepozicio per si mem ĉiam postulas nominativon. Alimaniere: post prepozicio neniam oni uzos akuzativon, kiam ĉi tiu estas signo de rekta komplemento.

Tial oni bezonas scii aŭ bone koni la prepoziciojn, ĉar se la vorto estus konjunkcio anstataŭ prepozicio, tiam oni povus erare ne uzi akuzativon.

Iam mi skribis: «Nenian vorton krom la fundamentajn». Tio estas: «Mi uzis *nenian vorton krom la fundamentajn*».

Iu korektis mian frazon tiel: «Nenian vorton krom la *fundamentaj*» (nominative).

Tio ne plaĉis al mi. Mi pripensis kaj traserĉis tra la vortaroj kaj gramatikoj. Ĉie mi legis (Vortaro de Kabe, Kompleta Gramatiko de Fruictier, Plena Vortaro), ke la vorto KROM estas prepozicio. Tiam mi komprenis, kial oni korektis mian frazon.

Sed mi tute ne konsentas, kaj mi deziras rezone pruvi, ke tio ne estas vero, nome: ke vorto KROM (kaj ankaŭ ANSTATAŬ) ne estas prepozicio, sed konjunkcio.

Unue ni difinu.

PREPOZICIO estas senfleksia parolparto, kiu esprimas kuniĝon kaj dependon inter du vortoj, kaj determinas la klason de dependo aŭ de rilato ekzistanta inter ili.

Ekzemploj: a) La libroj DE Mario (Aparteno).
b) Ringo EL oro (Materio).

KONJUNKCIO estas senfleksia parolparto, kiu ligas du propoziciojn, nur kunigante ilin aŭ difinante ilian dependecon.

Ekzemploj : c) Karlo manĝas pomojn KAJ Karlo manĝas pirojn. (Kunigo).
ĉ) Mi kuras KIEL vi kuras. (Komparo).

ELIPSO estas forigo de unu aŭ kelkaj vortoj, kiujn oni ne juĝas nepre necesaj por la kompreno.

Ekzemploj : c) Karlo manĝas pomojn KAJ pirojn.
ĉ) Mi kuras KIEL vi (Tio estas : *Mi kiel vi*).

Pro elipso, oni diras, ke konjunkcio (krom propoziciojn) ligas frazojn aŭ vortojn. En tia okazo oni povas konfuzi konjunkcion kun prepozicio.

Ekzemploj :

| Prepozicioj : | Konjunkcioj : |
| --- | --- |
| Libro DE Mario. | Pomoj KAJ piroj. |
| Ringo EL oro. | Mi KIEL vi. |
| Manĝi POR vivi. | Libroj NEK gazetoj. |
| Kafo KUN lakto. | NE homoj SED bestoj. |

Sed rimarku, por eviti konfuzon, ke prepozicio ligas du vortojn, el kiuj la dua dependas de la unua kaj rolas malsaman gramatikan funkcion, kaj ke ĉe konjunkcio la du vortoj estas reciproke nedependaj kaj rolas egalan gramatikan funkcion.

Ekzemploj :

*Johano vidis la libron* (akuzativo) *de* (prepozicio) *Mario* (genitivo).
*Mi* (nominativo) *kiel* (konjunkcio) *vi* (nominativo) *estas sana.*

* * *

Nun ni iru al la vortoj KROM kaj ANSTATAŬ.

Atentu la du frazojn :

1. *Kafo anstataŭ lakto* (aŭ *kafo anstataŭ lakton*).
2. *Hundo krom kato* (aŭ *hundon krom katon*).

Ŝajne ANSTATAŬ kaj KROM estas prepozicioj, sed rimarku, atentu :

1. *Ĉu mi trinkas kafon?*
2. *Ĉu mi trinkas lakton?* (aŭ *Ĉu mi ne* (nea vorto) *trinkas lakton?*).
3. (1 + 2) *Mi* NE *trinkas lakton* SED *mi trinkas kafon* (NE...SED estas conjunkcio) = *Mi* NE *trinkas lakton* SED *kafon* = *Mi trinkas kafon* ANSTATAŬ *lakton.*

NE...SED = ANSTATAŬ.

ANSTATAŬ, do, estas konjunkcio. Ĝi estas *nea kontraŭeca konjunkcio.*

* * *

1. Mi havas hundon.
2. Mi havas katon.
3. (1+2) *Mi* NE NUR *havas katon* SED *mi havas hundon.* = *Mi* NE NUR *havas katon* SED *hundon* (NE NUR...SED estas konjunkcio). = *Mi havas hundon* KROM *katon.*

NE NUR...SED = KROM.

KROM, do, estas konjunkcio. Ĝi estas *plieca aŭ apartiganta konjunkcio.*

Eble ni insistos pri la sama afero.

SAMUEL ROCA I RODÓ

Barcelono, 15ª de junio de 1935ª.

* * *

*Rim. de la Red.*—Saman opinion ni legas sur *Plena Gramatiko de Esperanto* de Kalocsay kaj Waringhien, paragrafo 375.

## ENLANDA KRONIKO

*Valencio.* — La «Agrupación Española de Maestros Pacifistas» (Hispana Asocio de Pacifistaj Instruistoj, adreso, Avenida de Blasco Ibáñez, 12) enskribis inter la postulatoj de la Asocio la lernadon de la lingvo Esperanto.

La Grupo Laborista Esperantista de la sama urbo (Horno del Hospital, 12, 1.º) organizis esperantistan semajnon kun esperanta ekspozicio, koncerto ludata de esperantista orkestro kaj teatraĵo *Raporto* (esperante tradukita), La grupo disdonis malavare prospektojn anoncante tiun «semajnon», kiu estis vera sukceso.

* * *

*La gazetaro.*—Novaĵojn pri Esperanto ni trovis sur *Heraldo de Madrid* (kiu ĉiu vendrede propagandis la XXVII-an Kongreson), *El Liberal* (21-VIII), ankaŭ el Madrido, kaj *Masas* el Logroño (25-V. artikolo «El idioma internacional al servicio del proletariado»).

H. E. A.-anoj estas petataj intensigi tiun specon de propagando kaj sendi al ni almenaŭ unu ekzempleron de la koncernaj gazetoj.

* * *

*Santander.*—Komence de majo vizitis nian urbon la angla samideano W. H. Hirst, kiu faris la vojaĝon nur por resti unu semajnon kun ni kaj konatiĝi persone kun korespondanto el Zaragoza.

Okaze de lia restado, la esperantista grupo de Ateneo Popular aranĝis kunvenon kie S-ro Hirst faris belan kaj spritan paroladon pri

siaj spertoj per Esperanto, precipe dum la lasta Kongreso en Stockholm. La grupanoj kaj la lernantoj de la lasta kurso streĉe sekvis la tutan paroladon kaj la lastaj, neniam aŭdintaj fremdulon, tre miris pro la en alta grado komprenebleco de la internacia lingvo. Je la fino, la angla samideano, gajigis ĉiujn per rakontado de anekdotoj kaj eĉ li improvizis ĥoron, instruinte anglan kanteton tradukitan esperanten kiun la ĉeestantoj laŭtkantis sub lia taktilo. S-ro Hirst ankaŭ vizitis la samideanojn de Bilbao, kiuj tre ĝojis lin koni.

Pro intereso vekita de S-ro Gómez Collado, policano kiu fiere portas grandan verdan stelon sur la uniforma maniko, du aliaj urbpolicanoj S-roj Rafael Caro kaj Cayetano Gutiérrez, lernis la lingvon kaj faris sukcese la ekzamenon antaŭ urbkonsilantara tribunalo. Ili ambaŭ, samkiel S-ro G. Collado ricevas de la urbestraro 25 pesetojn ĉiumonate kiel gratifikacion pro la scio de Esperanto kaj portas la verdan stelon altirante ĉies atenton.

## EKSTERLANDA KRONIKO

*Ŝanghajo.*—En oktobro okazos esperanta ekspozicio. Oni dankeme akceptos ĉiujn materialojn sendatajn de fervoraj gesamideanoj el ĉiu lando. Adreso: «La Ekspozicia Komitato de S. E. L., N:r 14, Lane 169, Carter Road, Ŝanghai, Ĉinujo.»

* * *

*Saint-Dénis* (Francujo).—La urbestraro de tia grava urbo decidis krei esperantan fakon en la urba biblioteko.

Por tio oni akceptas ĉiuspecajn librojn kaj gazetojn, kia ajn estu la religia, socia aŭ politika tendenco de la koncernaj verkoj. Adreso: Mr. le Conservateur du Musée, Bibliothèques et Archives de Saint-Dénis, section *espérantiste*, 4, place de la Légion d'Honneur à Saint-Dénis, via Paris (Francujo).

* * *

*Ĥarkov. Ukrainio. U. S. S. R.*—Oni preparas grandan esperantan ekspozicion el gazetoj, lernolibroj, vortaroj, k. t. p.; unuvorte el ĉiuspecaj presitaj esperantaĵoj. Kiu deziras ricevi specimenon de esperantlingva literaturaĵo eldonata en Sovetio bonvolu sendi po unu ekzemplero de esperantaĵoj presitaj en sia lando (adreso: ul K. Libneĥta, 40, 62 Skola, Zinaida Vlasola, Esperanta rondeto, Ĥarkov).

La ekspozicio estos migranta; ĝin akompanos profesoro de Esperanto, lektoro propagandisto, klarigonta en siaj publikaj lekcioj, la grandan signifon de Esperanto. Krome, oni preparas verkon titolotan «Tutmonda esperanta literaturo» kun fotoj kaj indikoj pri esperantaĵoj eldonitaj, en ĉiu lando.

## —o— BIBLIOGRAFIO —o—

GAZETOJ.—Marista Esperantista Ligo publikigas etan bultenon kun interesaj novaĵoj. Ni deziras al ĝi sukceson kaj longan vivon.

* * *

GVIDFOLIOJ. — *Nederlandaj fervojoj tra Nederlando per oktaga abonbileto.*—Kun landkarto, interesaj informoj kaj belaj fotografaĵoj kaj desegnaĵoj.

*Varna.*—Informoj kaj fotografaĵoj de tiu bela banurbo bulgara, «la reĝino de Nigra maro» kaj en kies ĉirkaŭaĵoj oni kulturas la famajn vinberojn.

*Southend-on-Sea.*—Okaze de la 26ª brita esperantista kongreso oni eldonis tiun gvidfolion kun informoj kaj vidaĵoj de la kongresurbo.

* * *

LIBROJ.—*Curs complet de la llengua internacional Esperanto.*—S-ro Jaume Casas verkis por katalunlingvanoj esperantan gramatikon kun ekzercoj kaj vortaro Esperanto-kataluna enhavanta preskaŭ 4000 vortojn. Formato 22 × 14. 170 paĝojn. Prezo 3,50 pesetoj. Havebla ĉe Liceu Dalmau, strato Valencia, 245, Barcelona. Ĝi enhavas kiel antaŭverko kelkajn artikolojn tre oportunajn por konvinkigi al dubemuloj pri la ebleco de lingvo internacia kaj graveco de Esperanto.

*Japanujo hodiaŭ*, de Hirokazu Kaji.—Historio de Japanujo kaj precipe de la progreso farita de 1868ª ĝis hodiaŭ. Formato 19 × 13, 109-paĝa, bele tole bindita kun dekduo da ilustraĵoj. Verkita en la klara stilo karakteriza de la japanaj esperantistoj. Eldonita en Jamato 126 Haramaci Koisikaua. Tokio. Japanujo.

*Maksimoj de La Rochefoucault*, el la «Beletra Kolekto».—Esperantigita de G. Waringhien kun franca kaj esperanta tekstoj. Formato 22 × 12, 112 paĝoj. Ĝi enhavas 504 maksimoj, kelkajn klarigajn notojn kaj alfabetan indekson laŭ la ŝlosilvorto de la maksimo. Prezo: dek francaj frankoj. Eldonita en Librejo Félix Alcan, 108ª, boulevard Saint Germain, Parizo. La traduko ne perdas precizecon. Ni trovas la vorton «orgoljo» (hispane, *orgullo*) anstataŭ «malhumilo». La tradukinto diras en la antaŭparolo ke tiu neologismo montras pozitivan econ; tial li uzas ĝin.

*Pri reorganizo de laboro de la sindikatoj en U. S. S. R.*, tradukita de P. Gavrilov. Formato 17'5 × 12'5, 28 paĝoj. Mendebla ĉe F. Visser, Amsterdam Z, Postbus, 5, Nederlando. Grava broŝuro por tiuj, kiuj sin interesas pri la rusaj aferoj, verkita en korekta lingvo.

*Esperantaj historietoj I.*—Havebla ĉe la aŭtoro Peter Frey, Clausemvey 26, Haderslev, Danujo. Formato 18'5 × 13'5, 48 paĝoj. Ĝi

enhavas 52 historiojn taŭgajn por ke instruisto povu prepari la esperantajn lecionojn por siaj lernantoj. Bona stilo kaj lingvo.

*Skizoj de Esperantujo.*—Verkita de Franz Ullrich, «villa Esperanto». Bürgstein (Ĉeĥoslovakujo), 32-paĝa broŝuro. Formato 15 × 12'5. Ĝi priskribas tipojn ĉerpitajn el la esperantista mondo tiaj, kiaj ili estas, pri kiuj (laŭ diras la aŭtoro en la antaŭparolo) «la esperantista popolo rajtas nek kulpi nek fieri». Prezo du respodkuponoj aŭ 4'50 ĉeĥaj kronoj.

*La spirito kaj la karno.*—Tria serio de prelegoj de Petro Dánov, eldonita de biblioteko «Nova Kulturo», Sevlievo, Bulgarujo. Prezo: unu sv. fr. Formato 21'5 × 14'5, 68 paĝoj. Jen nova verko pri la religia movado, kiu estras Petro Dánov.

*La kvakerismo.*—Dekdupaĝa broŝuro de William E. Wilson, eldonita de Kvakera Esperantista Asocio (66, Kineton Green Road, Olton, near Birmingham, Anglujo). Ĝi klarigas la esencon de kvakerismo, la religio sen ritoj. Prezo: du pencoj.

*Ĉu Socialismo konstruiĝas en Sovetio?* (Biblioteko de *Herezulo*), de E. Lanti kaj M. Ivon. Formato 14 × 21 cm. 52 paĝoj. Prezo: tri fr. fr. plus sendkosto: 0,60 fr. (0,30 por la landoj aliĝantaj al la konvencio pri favora tarifo por libroj). Eldonejo: *Esperanto*, 14 av. de Corbére, Paris (XII). Poŝta ĉekkonto: *E. Adam*, Paris 1350-62. Respondkuponoj estas akceptataj.

Tiu verko estas unika en sia speco: ĝi konsistas el dialogo inter tri personoj: *Futer*, la herezulo; *Ruper*, la ortodoksulo, kaj *Iver*, la objektiva atestanto, kiu vivis dum pluraj jaroj en Sovetio, tie laboradis, restante ĉiam en intima kontakto kun la simpla popolo, kaj forlasis la landon antaŭ nelonge. Tiu dialoga formo donas vivon kaj intereson al temo, kiu sen tio estus alirebla nur de fakuloj.

La preso, aranĝo kaj papero estas bonaj; se ni aldonas, ke la broŝuro enhavas ilustrojn, konsidere la malaltan prezon, ĉiu, kiu ial interesiĝas pri Sovetio kaj socialismo, tiu nepre devas posedi tiun verkon.

*Esperanto-korespondanto.*—La celo de tiu-ĉi libro (unua tiuspeca ĉe ni) estas ne sole helpi kaj konsili al komencantoj kaj memlernantoj, sed ankaŭ ebligi internacian korespondadon al tiuj, kiuj nescias Esperanton. Prezo de la belaspekta tranĉita libro, 144 paĝoj kun forta kovrilo, 12 ĉeĥaj kronoj. Mendebla ĉe Jos. Svoboda, ul, 1, listopadu 796, Praha-Pankrác.

* * *

GLUMARKOJ.—Tadros Migalli, ĵurnalisto, delegito de U. E. A. en Fayun (Egiptujo) liveras du specojn de glumarkoj: unu kun bildo de nia Majstro kaj araba surskribo «Aŭtoro de Esperanto. D-ro Za-

menhof. Lernu Esperanton, la internacia lingvo» kaj la dua kun bildo de la sfinkso kaj piramidoj, kaj araba kaj esperanta surskribo «lernu esperanton». Ambaŭ glumarkoj estas presitaj en du koloroj (verda kaj viola), kaj ĝia prezo estas: 24 ekzempleroj, unu respondkupono; 100 ekzempleroj, unu sv. fr.

## NEKROLOGO

Ni ankoraŭ ricevas kondolencojn pro la morto de nia samideano pastro Mariano Mojado.

Inter aliaj ni ricevis du oficialajn kondolencajn leterojn: unu de la Zamenhof-Instituto (14-an de majo) subskribitan de la prezidanto S-ro Francisko Gorgues kaj la sekretario S-ro Josefo Anglada, kaj la alian de la «Sociedad Esperantista Gaditana» (30-an de julio) subskribitan de S-roj Francisko kaj Emilio Borbacho, prezidanto kaj sekretario respektive.

La «Informilo de Zamenhof Instituto» (numero de junio-julio) publikigas kortuŝan nekrologon.

Dankon denove al ĉiuj kondolencantoj!

## IO EL ĈIO

### LA FIŜOJ

La membroj de ia esperantista klubo iris ĉe la proksima rivero por fiŝkapti kaj pasigi dimanĉan vesperon. Ili kaptis entute dek du fiŝojn, kaj tiam la prezidanto proponis jenan problemon. Li metis cirkle dek du korbetojn, ĉiu kun unu fiŝo, kaj diris:

—Estas necese preni unu fiŝon, marŝi ĉirkaŭ la cirklo, pasi preter du fiŝoj (kiuj povas esti ĉu en la sama ĉu en malsamaj korbetoj), kaj lasi ĝin en korbeto havanta unu fiŝon. Kaj ripeti la faron, ĉiam marŝante laŭ saman direkton, ĝis kiam estos ses korbetoj malplenaj kaj ĉiu el la ses aliaj kun du fiŝoj. Tiu gajnos, kiu atingos la celon post plej malmultaj rondoj.

* * *

## HO SEN HOJ (sendita de Bruno Reichberg)



*Signifo de la vortoj.*—Horizontale: 1, nombro; 4, 11 kaj 20, konjunkcio; 6 kaj 13, pronomo; 8 kaj 12, prepozicio; 9, cifero; 10, trinkaĵo; 16, adverbo; 18, esperanta litero; 19, ĉarma sento; 21, korpoparto.

Vertikale: 1, kutimo; 2, adverbo; 3, manĝaĵo; 5, korpoparto; 6, sufikso; 7 kaj 13, rilata vorto; 8, ĝardeno; 12, talento; 14, fino; 15, esperanta litero; 17, fabela virino.

Por skribi tiujn-ĉi vortojn ne uzu literon *h*.

(*La solvoj, sur la venonta numero*).

* * *

## SOLVOJ DE L' ANTAŬA NUMERO

*Ludkartara problemo.*—Jen unu solvo:

$$\begin{matrix} a_1 & v_2 & \hat{c}_3 & r_4 \\ r_3 & \hat{c}_4 & v_1 & a_2 \\ v_4 & a_3 & r_2 & \hat{c}_1 \\ \hat{c}_2 & r_1 & a_4 & v_3 \end{matrix}$$

Nun la indico 1 povas montri iu ajn el la kvar koloroj (*karoo, kero, piko* kaj *trefo*); en ĉiu kazo, la indico 2 povas montri unu el la tri ceteraj, koloroj, kaj en ĉiu kazo, la indico 3 unu el la du ceteraj koloroj. Entute dudek kvar solvoj.

Kun la kvar specoj de kartoj (*asoj, valetoj, ĉevaloj, reĝoj*) oni povas fari 24 kombinojn en ĉiu el la antaŭaj kazoj. Entute 24 × 24 = 576 solvoj.

*Orgen-enigmo.*—1, kartludo; 2, melodio; 3, bovido; 4, Tokio; 5, uzado; 6, premio; 7, duonhor'; 8, semaforo.—Zigzaga linio, Ludoviko Zamenhof.

* * *

## DIVERSAĴOJ

Sur la 24ª numero de *Hinda Esperantisto* (Lien Tjong Hie, Semarang, Java Insulo) mi legas:

«Generalo Primo de Rivera, la tiama diktatoro de Hispanujo, ĉiam metis du terpomojn en sian maldekstran pantalonpoŝon, kiam li eliris. La diktatoro havis reŭmatismon, kaj en Hispanujo oni kredas, ke per kunpremo de du terpomoj oni povas peli tiun malsanon. (Niaj hispanaj samideanoj certe bonvolos certigi tiun-ĉi informon).»

Mi estas kvindekdujara, kaj dum kvindek jaroj pro la militistaj profesioj de mia patro kaj mia, mi vizitis aŭ loĝis la plejmulton el la hispanaj provincoj, kaj nenie mi konis tiun «kuracilon», kies uzado estas tiel malofta ke el ĉiuj miaj samklubanoj nur unu konis ĝin hazarde. Sed generalo Primo de Rivera neniam ĝin uzis, kompreneble.—F. R.

* * *

S. Stratievskij (Sinaje, 35, Nikolajev - Ukranio - U. S. S. R.) 19-jara deziras korespondi kun hispanoj; li interesas pri poŝtkartoj kaj ilustritaj gazetoj.

Rafael Villalba Máñez (San Isidro, 47, Chiva, Valencia) deziras korespondi kun junaj hispanaj gesamideanoj, precipe el Madrido. Respondo garantiata.

Raimund Hanberg, 26-jara fraŭlo (Onne tän, 1-3, Tartu, Estonio), deziras korespondi kun madridaj gesamideanoj, prefere kun fraŭlinoj, pri sporto, vivmaniero, k. t. p.

Ladislao Blecha, fervojoficisto (Parkan, 2, Ĉeĥoslovakio), prezidanto de marioneto-teatro de gimnastikorganizo «Sokolo», interesas pri poŝtmarkoj, poŝtkartoj, esperantaj glumarkoj, gazetoj, marioneto-pupoj, k. a. Li deziras korespondi kun hispanaj gesamideanoj kaj petas ke oni afranku filateliste la poŝtaĵojn.

* * *

## DEKRETO DE LA HISPANA REGISTARO

Por dekreto de la hispana registaro nur estas permesataj sur la kovertoj aŭ banderoloj de la poŝtaĵoj la adresoj de la ricevonto, tiu de la sendanto (kun indiko pri lia profesio kaj aferoj), kaj la poŝtaj markoj kaj stampoj, almenaŭ de speciala permeso de la ministro pri Komunikaĵoj.

Ĉiu poŝtaĵo, kies koverto aŭ banderolo enhavu sociajn aŭ politikajn skribaĵojn aŭ markojn, estos haltigata kaj, se necese, sendata al juĝisto.

Ankaŭ estos haltigata ĉiu poŝtaĵo kun ĉiu ajn alia skribo aŭ marko, sed oni sciigos al sendanto pri la haltigo. Tiu-ĉi lasta regulo valoras de la 12ª de aŭgusto nuna.

TIPOGRAFÍA CHULILLA Y ANGEL.—Torrecilla del Leal, 17 - Teléfono 71926